# GAJA HAVENO

Krelta en 1997 - 3a fazo - N-ro 2(14) - APRILO 2002 - PORTO ALEGRE, RS, BRAZILO
Redaktas César Dorneles Soares - Mal. Frota, 278, PK-do 91350-030 <cdsoares@terra.com.br>

# 1906:

## REINALDO F. GEYER ESTIS UNU EL LA KREINTOJ DE LA UNUA E-SOCIETO EN PORTO ALEGRE



*Reinaldo Frederico Geyer*

Filo de unu el la fondintoj de *Casa Masson*, tradicia orlog^-vendejo en Porto Alegre, Reinaldo Frederico Geyer estis kuracisto, j^urnalisto, anarkiisto kaj... esperantisto. En septembro 1906, kune kun aliaj sam-ideanoj , inter ili Christiano Kraemer, li fondis la unuan E-nukleon en la gaùc^a c^ef-urbo: *Esperanta Societo Sud-Riogranda(*)*, kun la celo "disvastigi kaj diskonigi la neùtralan lingvon Esperanto" pro "la facileco kaj utileco kiujn Esperanto alportas al la rilatoj inter individuoj el malsamaj landoj kaj, tre precipe, al la laboristaj rilatoj", laù oni leg-povas en *A Luta*, anarkiista semajn-gazeto kiu cirkulis en Porto Alegre de 1906 g^is 1912. Kiel kuracisto, li estis ankaùe unu el la pioniroj en la esploroj pri sifiliso, unu el la tiamaj turmentoj. Anarkiisto, li aktive partoprenis en la sociaj luktoj siatempaj, elstarigeble la serio da strikoj en 1915, 1916 kaj 1917, c^i-lasta kun nacia amplekso. En sia travivеco kiel e-isto, en la j^urnalisma kampo, li estis unu el la unuaj eldonantoj de *Brazila Revuo Esperantista* (nuntempa *Brazila Esperantisto*), ekaperinta en Rio-de-J^anejro en 1907. Carlos Cavaco, en sia libro *Na Luz da Liberdade* (1914), asertis, ke Reinaldo Geyer posedis "la kondic^on de iu vera homo en iu epoko en kiu la konsciencoj estis luigataj kiel malpurajn litojn c^e bordeloj. Li honorigis la sciencon kiun li praktikis kaj la epokon en kiu li vivis." ●

*César Dorneles Soares*

*Fonto: Os anarquistas no Rio Grande do Sul*

far João Batista Marçal, *Esperantaj Societoj en Sud-Riogrando*, far Alberto Flores kaj Ivo Sanguinetti

(*) La societo estis fondita, sub la iniciato de Christiano Kraemer , g^ia unua prezidanto, je la 2/9/1906 en kunsido realigita c^e la Komerca Klubo de Porto Alegre. G^i sukcesis c^. 120 anojn kaj Reinaldo Geyer estis la 1-a serkretario. Okaze de la fondo, oni ricevis el L.L. Zamenhof la jenan pos^t-karton: "Varsovio, 28-06-1906. Karaj Sinjoroj! Al la Esperanta Societo Sud-Riogranda mi sendas koran saluton kaj deziron de plej bonaj sukcesoj. Via Zamenhof. P.S. - La titolon de Honora Prezidanto afable donacata al mi de via societo, mi akceptas kun kora danko." Ankaù en Pelotas , en 1906, jam ekzistis esperantistoj laù atestas la *Grammaire et Exercices*, far Louis Beaufront. En listo aperas la nomo de Carlos Jakoboni, el la t.n. "Suda Princino".

La 7an de marto, ankaù en 1906, oni fondis la unuan brazilan E-societon, *Suda Stelaro*, en Campinas, SP. Sam-jare, en la 29a de junio, en Rio-de-J^anejro, estis fondita la *Brazila Klubo Esperanto, kiu poste transformig^is en Brazilan Esperanto-Ligon.*

## KAJ POSTE?

Sube la listo de c^iuj E-societoj iam fonditaj en Rio Grande do Sul (NPE= ne plu ekzistanta):

- 1906 - Esperanta Societo Sud-Riogranda (Porto Alegre) - NPE
- 1923 - Grêmio Esperantista Everaldo Backheuser (Porto Alegre) - NPE
- 1927 - Sud-brazila Esperantistiglio (Porto Alegre) - NPE
- 1941 - Esperanto-Rondeto Torquato Severo (Dom Pedrito) - NPE
- 1945 - Esperantista Societo de Porto Alegre
- 1947 - Esperantista Societo de Pelotas (*)
- 1950 - Centro Esperantista Couto Fernandes (Dom Pedrito) - NPE
- 1951 - Esperanto-Societo de São Leopoldo - NPE
- 1959 - Esperantista Societo de Cachoeira do Sul - NPE
- 1959 - Esperantista Societo de Santa Maria
- ? - Grupo Esperanto kaj Frateco (Bagé) - NPE (**)
- 1960 - Esperanto-Asocio de Uruguaiana - NPE
- 1961 - Esperanto-Societo de Rio Grande
- 1975 - Esperanto-Klubo de São Borja - NPE
- 1982 - Gaùc^a Esperanto-Asocio
- 1998 - Torres Esperanto-Rondo

*Fonto: Esperantaj Societoj en Sud-Riogrando, far Alberto Flores kaj Ivo Sanguinetti*

(*) Kreita pro la iniciato de la gefratoj Helmuth kaj Symilde Schenk.
(**) G^ia monata presita bulteno *Esperanto Aldono atingis la rekordan nombron da 120 eldonaj^oj.*

# AKTUALIGITA ADRESARO DE E-NUKLEOJ EN P. ALEGRE

Nuntempe en Porto Alegre funkcias la jenaj 13 E-nukleoj:

### EN LA URBO-CENTRO:

● GEA-Gaùc^a Esperanto- Asocio: str. dos Andradas, 1251/103, PK 815, PK-do 90001-970, Tel. 3228.3198, <esperanto.gea.@plug-in.com.br>

● ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre: str. dos Andradas, 1137/1704, PK 1415, PK-do 90001-970, Tel. 3228.7340, <rei.arthur@ig.com.br>

● FERGS-Federação Espírita do Rio Grande do Sul/E-kurso. Av. Desembargador André da Rocha, 49, P-Kdo 90050-161, Tel.-fakso 3224.1493 aù 3228.2038, <comunicacao@fergs.com.br>

● Soc. Espírita Allan Kardec/ Departemento de Esperanto (DESEAK): str. Fernando Machado, 885, PK-do 90010-321, Tel. 3224.0309

● Atheneu Espírita Cruzeiro do Sul/ E-kurso.: str. Duque de Caxias, 943, PK-do 90010-282, Tel. 3226.9616

### EN LA KVARTALO CIDADE BAIXA:

● Soc. União Espírita Porto-Alegrense/ E-departemento Ismael Gomes Braga: str. João Alfredo, 464, PK-do 90050-230, Tel. 3225.1988

### EN LA KVARTALO IPIRANGA:

● Soc. Espírita Paulo de Tarso/ E-grupo Francisco Valdomiro Lorenz: av. do Forte, 1034, PK-do 91360-001, Tel. 3348.5854

## EN LA KVARTALO MENINO DEUS

● Oficina de Teatro Nilton Filho/E-kurso: str. Grão Pará, 179, PK-do 90850-170, Tel. 3233.0449

## EN LA KVARTALO PARTENON

● Instituto Espírita Irmãos de Boa Vontade/E-kurso: str. Machado de Assis, 275, PK-do 90620-260, Tel. 3336.1012

● Soc. Espírita Caminho da Luz/E-kurso: Av. Bento Gonçalves, 1209, PK-do 90650-000, Tel. 3219.5666.

## EN LA KVARTALO PETRÓPOLIS

● Grupo Espírita Francisco Xavier/ Kultura Fako de Esperanto: str. Caju, 87, PK-do 90690-310, Tel. 3338.3134.

## EN LA KVARTALO RUBEM BERTA

● Vida – Centro Humanístico/ E-kurso: av. Baltazar de Oliveira Garcia, 2132, PK-do 91150-000, Tel. 3347.5144.

## EN LA KVARTALO SÃO JOÃO

● Soc. Ben. Espírita Bezerra de Menezes/ E-lernejo Yvonne Pereira: av. Nova York, 686, PK-do 90550-070, Tel. 3342.8339

# KIO, KIE?

P O C I M C A T
I A R E A H I O
L E T E R O G K
O M F T O Z O M
L U P O N J V U
O R M A P O D L
R S A P O F I O
A D H A R O K E

*Supre trovu vertikale aù horizontale vortojn laù la jenaj difinoj:*

1. Folio el kartono aù papero, sur kiu estas figurita la surfaco de la ter-globo ktp.
2. Vasta etendaj^o da sala akvo.
3. Medikamento, en formo de buleto, kiun oni povas gluti.
4. Hibrido de azeno kaj c^evalino.
5. Skribaj^o , per kiu oni komunikas ion al alia persono.
6. Faden-forma epiderma elkreskaj^o, pli-malpli dense kovranta la korpon.

*Fonto: PIV*
*Respondoj ali-loke*



# KIO POR LEGI

Pere de BEL-Brazila Esperanto-Ligo eblas aboni diversajn periodaj^ojn. Malsupre oni sugestas kelkajn el ili (unua valuto parenteze = por nemembro de BEL, dua valuto = por BEL-membro):

▸ BRAZILA ESPERANTISTO - 4foje jare, oficiala organo de BEL (R$ 20,00/ senpage por membro)

▸ ESPERANTO - 11foje jare, oficiala organo de UEA (R$ 49,60/41,50)

▸ FONTO - 12foje jaru, literatura revuo (R$ 40,00)

▸ JUNA AMIKO - 4foje jare, por komencantoj, diversteme (R$ 21,60/R$ 18,00)

▸ KONTAKTO - 6foje jare, soci-kultura revuo de TEJO (R$ 30,00/R$ 25,00)

▸ MONATO - 12foje jare, internaciaj aktualaj^oj (R$ 82,80/R$ 74,00)

*Kiel mendi?* Sendu al BEL (PK 03625, Braziljo/DF, PK-do 70084-9700) nominalan c^ekon kune kun via peto. Kopio de la "Boletim de Adesão/Assinatura de Periódicos" eventuale disponeblas c^e via loka asocio. ●

---

# Babila Rondo en la Publika Bazaro



En la unua sabato de la monato, de la 16h g^is la 18h

Diskut-temo je 6/4/2002:
*Vivi en Porto Alegre*

Arang^o de DESEAK
Kun-ordiganto: Instr. César D. Soares

Rim.: *Verda Kafo* plu-okazos c^e trinkejo-restoracio *Tutty's – Centro Comercial Independência:* av. Independência, 30, c^iam en la lasta sabato de la monato, 16h/18h.

---

LINGVA RUBRIKO

# MALLONGIGOJ

a.K – antaù Kristo
atm. - antaù-tagmeze
bk. - bild-karto
bv. - bonvolu
C – Celsius
cm – centimetro
c^- c^irkaù
D – delegito
d-ino – doktorino
d-ro – doktoro
E-o – Esperanto
E-isto – esperantisto
ekz. - ekzemple
f-ino – fraùlino
g – gramo
inkl. - inkluzive
i.a. - inter aliaj
ing^. - ing^eniero
instr. - instruisto
irpk – Internacia respond-kupono
j. - jaro
jc – jarcento
JD – juna delegito
k – kaj
k.a. - kaj aliaj
kHz – kiloherco
km – kilometro
kp – komparu
k.s. - kaj similaj
k.t.p – kaj tiel plu
l – litro
m – metro
mil – mallongigo
mm – milimetro
mn – minuto
N.d.l.r. - noto de la redakcio
n-ro – numero
p. - pag^o
p.a. - per adreso de
PAG – Plena Analiza Gramatiko de Esperanto
PIV – Plena Ilustrita Vortaro
PK – pos^t-kesto
p.K – post Kristo
PK-do – pos^t-kodo
pm. - pos^t-marko
pr. - prononcu
prez. - prezidanto
p-ro – pastro
prof. - profesoro
proks. - proksimume
P.S. - post-skribo
ptm. - post-tagmeze
resp. - respektive
Rim. - rimarko/u
s – sekundo
S-ta - sankta
s-ano – samideano
s-anino – samideanino
sekr. - sekretario
s-ino – sinjorino
s-ro – sinjoro
str. - strato
t.e. - tio estas
Tel. - telefon-numero
t.n. - tiel nomata
UK – Universala Kongreso
UN-o – Unuig^intaj Nacioj
Vd – vidu
vol. - volumo
Z – Zamenhof
z. de – zorge de (la adresulo) ●

*Fonto: PIV k*
*Dictionnaire de Poche Français-Espéranto Espéranto-Français*



## Respondoj al "Kio? Kie?":

1. mapo, 2. maro, 3. pilolo, 4. mulo, 5. letero, 6. haro



# EL LA LEGANTOJ

"Dankon pro la GAJA HAVENO! - belajn, elokventajn fotojn g^i prezentas (...). Gratulon al vi kaj la ceteraj kunlaborantoj en la unika evento-2002."

George Otto Vaske/
São Sebastião do Caí/RS

"Multajn dankojn pro la Gaja Haveno, kiun vi bonvolis sendis al mi kun la informoj pri la okazintaj^oj okaze de la Monda Socia Forumo. Tio, kion vi faris tie, estis grandioza."

Renato Corsetti,
Palestrina, Italio.